10-a jaro. — N-ro 11-12 (117-118) Nov-Dec. 1924.

# Belĝa Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1924

DEZIRAS KORESPONDI :

— S-ro Maksymiljan Ziomek, gimnaziano, Krakôw; ulica Vincentego Pola L. 5, Grzegurzki (Polujo) serĉas gekorespondantojn par siaj gekomaradoj.

— Victor Armstrong, 36 Birkbeck Rd., Newbury Park, Ilford, Essex (England), korespondas per poŝtk. il. kaj poŝtmarkoj.

## Ne forgesu

## repagi vian abonon !

10a Jaro. N-ro 11 12 (117-118) Nov.-Dec. 1924

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle
Postĉeko No 399.84.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Al niaj Legantoj

Prezentante al la legantoj de B. E. niajn plej korajn bondezirojn okaze de la nova jaro, ni petas ilin, ke ili SENPROKRASTE pagu sian abonon por 1925.

La izolaj abonantoj pagu tuj al nia poŝtĉeka konto Nr. 399.84 (S-ro F. Mathieux, Kasisto de Belga Ligo Esperantista, Bruselo); la anoj de grupoj aliĝintaj al Belga Ligo ne prokrastu havigi al la kasisto de sia grupo la kotizon por la jaro 1925! Ili ne forgesu, ke precipe la eldono de la unua numero estas malfacila por ni se la reabonado ne flue okazas.

Ke nun ĉiuj sinceraj Esperantistoj en Belgujo apogu niajn penadojn plenumante sian personan devon kontraŭ la komuna afero. Ili instigu ankaŭ ne jam abonintajn samideanojn partopreni nian laboron per aliĝo al Belga Ligo Esperantisto, aliĝo per kiu ili ricevas ankaŭ nian organon.

Ĉiu faru sian malgrandan streĉon, por ke ni povu efektivigi nian gravan kaj necesan propagandan laboron, kaj eniri kun fido la 11an jaron de nia revuo!

B. E.

## XIVa Belga Kongreso

Ni havas la plezuron informi, ke la proksima belga kongreso okazos en Verviers dum Pentekosto venonta. Niaj Verviers'aj amikoj akceptis la taskon ĝin organizi kaj ni estas konvinkitaj, ke ili havigos al la kongresanoj plej agrablan restadon en sia pentrinda regiono.

Ni nur povas inciti ĉiujn belgajn Samideanojn sin prepari por iri al Verviers, urbo lokita en unu el la plej vizitindaj partoj de nia lando.

# Sinjorino Klara Zamenhof mortis

La tutmonda Esperantistaro estis preta por festi la datrevenon de la naskiĝo de nia karmemora Doktoro Zamenhof, kiam alvenis la malgaja sciigo, ke la 61-jara vidvino de nia majstro mortis la 6an de Decembro.

Ŝi multe suferis......

Antaŭ la vojaĝo al la 16a Kongreso en Vieno, S-ino Zamenhof sentis sin malbona, havis oftajn dolorojn en la hepato, tamen riskis kaj forveturis. Post la kongreso ŝi pasigis kvar semajnojn en Ĉeĥoslovaka kuracurbo. Reveninte hejmen en Varsovio ŝi sentis sin pli malbona kaj malforta. La 9an de Novembro la kuracistoj decidis operacion, dum kiu ili konstatis kanceron en la hepato. La stato de la malsanulino senesperiĝis kaj post dusemajna restado en hospitalo oni ŝin hejmen kondukis. La konscion ŝi konservis ĝis la lasta tago. La 4an de Decembro S-ino Zamenhof pensis pri la fino, kaj la 6an matene ŝi deziris adiaŭi siajn infanojn ; je la 6a h. vespere ŝi senkonsciiĝis kaj je la 9a ŝi jam por eterne ekdormis......

Dum la akra kaj multpena batalado por sia kara Idealo de tutmonda paco kaj frateco Dro Zamenhof trovis en ŝi ne nur fidelan edzinon, ne nur apogon, sed plie fonton de kuraĝo neelĉerpeblan kaj plej varman instigon, dank'al kiuj li kapabis elteni.

Post la morto de sia edzo Klara Zamenhof daŭrigis sin interesi je la evoluo de la movado naskita de li.

Prave ŝi meritis la nomon de patrino de Esperanto.

Al la funebrantaj gefiloj : Dro. Adam, F-inoj Sofio kaj Lidio Zamenhof, ni prezentas de ĉiuj belgaj Esperantistoj la esprimon de ilia emocia kondolenco kaj de ilia plej kora simpatio.

La memoro al nia majstro kaj lia edzino restos sankta por ni !

* * *

La enterigo okazis la 8an de Decembro. Ĝi estis simpla sed impona. El la domo, strato Krolewska 41, la ĉerko estis portata de lokaj esperantistoj. La funebra veturilo kovrita per verda standardo kaj florkronoj inter kiuj de la « Centra Komitato », de « U. E. A. », de Societo « Konkordo », k. t. p. La funebran karavanon akompanis amaso da publiko kaj da Esperantistoj ; ĝi haltis dum unu minuto antaŭ la domo, 9 strato Dzika, kie la Zamenhofa familio longtempe loĝis.

Super la tombo malfermita parolis altsente la varsovia predikisto profesoro Szor, kaj eldiris la ĉefan Esperantan paroladon adiaŭan nia malnova samideano-stilisto S-ro Leo Belmont. Post li venis S-ino Cense por la eksterlanda Esperantistaro, S-ro Szumacher por la Akademia rondo Varsovia, S-ro Domoslawski por Societo « Laboro », S-ro Koss por Internacia Studenta Asocio, S-ro Kostecki por Pola Asocio kaj

Pola Akademia Rondo, S-ro Oberrotman por U. E. A. kaj « Esperanto Triumfonta », S-ro Wiesenfeld por « Konkordo », S-ro Bronstein por « Progreso », D-ro V. Robin por la Komitato por starigo de Monumento al nia Majstro, kaj por Tutmonda Esp. Kuracista Asocio.

La kantoro Szerman aŭdigas malĝajan religian kanton dum glitis malsupren la ĉerko sur kiu fermiĝis la tero. Florkronoj amasiĝis sur la tombo.... eksonas la Esperanta himno.... kun rompita koro la ĉeestintaj esperantistoj foriras...... Ŝi restas......

Ŝi ripozu kviete, la tero estu por ŝi malpeza.

---

Ni dankas kore S-ron Oberrotman, Del. U. E. A., kiu afable komunikis al ni senprokraste ĉiujn notojn kaj detalojn pri la lastaj tagoj, pri la morto kaj pri la enteriga ceremonio de S-ino Zamenhof.

---

# Parolado de S-ro Leo Belmont super la ĉerko de S-ino Zamenhof

Funebraj aŭskultantoj !

Jen ŝi foriris per la lasta vojo, per kiuj ni ĉiuj pli rapide aŭ malrapide foriros. Kaj nun — la vivantoj, en momento de ŝia enterigo, devas pripensi, kiu ŝi estis dumvive kaj kiu ŝi devas resti en la memoro de generacioj. En la historio de la homa penso okupita per kreado de la spirita telegrafo ni, kiuj kunvenis ĉe tiu kara por ni ĉiuj korpo, vere travivas momenton solenan, kiu dum longaj centjaroj ne ripetiĝos. Ni ja havas la honoron enterigi la patrinon de Esperanto.

Esperanto estas spirita telegrafo, kiu ligas la tutan homaron dispecigitan sur la tuta terglobo kaj plenumas tre altan kaj gravan rolon, ĉar ĝi alproksimigas la homojn inter si. Kaj kion alportis al ni aliaj eltrovaĵoj ? Aeroplanoj dum la milito ĵetas bombojn kaj grenadojn, la vagonaroj alportas armeojn, kiuj sin reciproke malamas kaj detruas. La signoj de la Morsea telegrafo, kvankam per samspecaj elektraj ondoj stampitaj, tamen staras tradukitaj je diversaj lingvoj kaj ne forigas la abismon inter la popoloj.

am la tero tomba forprenis al ni senkonsole la spiritan patron de Esperanto D-on Ludovikon Zamenhof, kaj denove avide ĝi atendas alian oferon; tio estas, funebraj aŭskultantoj, vundo simbola, kiu tratranĉis la korojn de ĉiuj esperantistoj, en kies nomo mi havas la honoron ĉi tie paroli.

La saĝa leĝo volas, ke vira semo tiam ekĝermu, kiam ĝin varmigas la sino de l' virino, kaj ĝi povas perei, se ne troviĝas la amata koro de kara edzino; sed feliĉe tiu koro troviĝis, ĉar aperis virino forte amanta ne nur la korpon de l' kara edzo, sed ankaŭ lian animon kaj genian penson. Ŝi ne nur helpis al li spirite, sed el ŝia granda koro, materiale

en lia granda laboro, ŝi multe helpis al li, oferante tutan sian tempon al lia granda estont-eltrovaĵo kaj helpante diwastigi lian verkon. Ŝi partoprenis en liaj triumfoj kaj sukcesoj kaj vizitis kun li ĉiujn esp. kongresojn ; ĉar ĉie, kien li nur venis, li estis akceptata kvazaŭ monarko. En Franca Respubliko oni lin akceptis ĉe l'sonoj de la Marseljezo, en Cambridge Akademia Korpuso Universitata honoris lin triumfe, la hispana reĝo Alfonso oferis al li ordenon de Izabelo Katolika, kaj en Antwerpen oni eljungis la ĉevalojn, kaj studentoj tra la tuta urbo tiris la kaleŝon kaj honoris lin entuziasme.

En Kraków-a kongreso dum ekskurso al Wieliczka, konata pola salminejo, oni lumigis ĉiujn elektrajn lumojn kaj faris specialajn iluminaciojn. Zamenhof estis ankaŭ unu el la geniaj pensuloj, kiu jam dum la vivo havis monumenton en fremda lando en Franzensbad. Kaj nun ĉiuj esperantistoj de la tuta terglobo volas ankaŭ honori la neforgeseblan memoron per stariĝo de tombmonumento por montri al la meritplena sian dankon.

Klara Zamenhof dividis kun sia edzo ĉiujn triumfojn kaj zorgojn ; ŝi estis, verdire, sindonema patrino de ĉiuj esperantaj societoj. D-ro L. L. Zamenhof foriris en nekonatan misteran posttomban vivon por eterna ripozo, li foriris en landon, kie ne ekzistas la diferencoj inter la rasoj kaj konfesoj, en landon, kie regas eterna harmonio. Li estis vera apostolo de l'amo kaj paco, promesante kaj alportante al la tuta disbatita homaro pli bonan kaj trankvilan vivon, li promesis ne militon kaj malamon, sed dank' al lia genia eltrovaĵo li volis kunligi kaj unuigi ĉiujn spiritajn homajn sentojn. Kaj jen Klara Zamenhof ankaŭ plenumis gravan rolon en la historio de l' homaro, ĉar ŝi estis parteto spirita de sia granda edzo, dank'al ŝi li brave kaj kuraĝe iris antaŭen, kaj ŝi lumigis al li la vojon.

Kaj venos la horo, kiam ĉiuj reprezentantoj de la tuta mondo pilgrimos al la tomboj de sanktaj kaj gravaj cerboj, por frate kaj amike labori por estontaj generacioj. Dormu do, gemajstroj Zamenhof, trankvile kaj kviete, ĉar venos la tago, kiam la homaro ekkomprenos vian gravan rolon en progreso de l' homaro kaj oni honoros vin laŭ viaj meritoj.

Tiu tago venos !..

---

# Belga Kroniko

BRUĜO. — Grandan sukceson ricevis la nova kurso, kiu malfermiĝis la 27an de novembro ; pli ol 100 gelernantoj enskribiĝis sin ! Tiun belan rezultaton ni ŝuldas al la sindonemo de la gvidantoj de la Bruĝa Grupo : F-ino Thooris, Prezidantino kaj S-ro Dervaux, Sekretario kaj gvidanto de la kursoj. Ili povas fieri pri sia bona laboro !

GENTO. — « Genta Grupo ». La 12an de novembro S-ro inĝeniero Vandevelde faris interesan paroladon por la malfermo de nova kurso, kiu okazas ĉiumerkrede je la 7a vespere en urba lernejo. S-ro advokato Groverman gvidas la kurson.

« La Progreso ». Tiu grupo ankaŭ malfermis novan kurson post bonega parolado de S-ro L. Cogen, pacjuĝisto en Ninove. La gvidantino estas nia lerta Samideanino F-ino Paula Deltombe.

Dimanĉon 14an de novembro «Progreso» donis ĉarmoplenan intiman feston. Muziko, kanto, deklamaĵoj, ludoj, dancado, nenio mankis ! Maljunaj kiel junaj bone amuziĝis en familio kiel decas inter Esperantistoj!

MEHLENO. — La Urbestraro presigis en la broŝuro, kiun ĝi eldonas pri instruado, noton pri la Esperanto-kurso okazanta en urba lernejo.

La 31an de oktobro nia amiko S-ro M. Talboom faris en la ĉiusemajna kunveno de la studenta grupo : « DeVrije Gedachte » (La Libera Opinio) sukcesplenan paroladon pri la neceseco de Esperanto.

SANKTA NIKOLAO. — Nia juna Samideano S-ro De Boes senlace laboris por la disvastigado de nia lingvo. En Septembro li malfermis novan kurson por deko da gelernantoj kiuj abonis nian revuon « Belga Esperantisto » kaj portas la verdan stelon. Ĉiumarde okazas konversacia kunveno por perfektiĝi en Esperanto. La grupo klopodas por organizi, en granda salono de la urbo, ekspozicion pri ĉiu materialo de nia lingvo.

Dank' al personaj klopodoj, la Prezidanto sukcesis aĉetigi de la urba biblioteko la legindan revuon « Literatura Mondo », kiun ĉiuj povas legi. Vidiĝas la espero organizi Esperantan sekcion en la sama biblioteko.

VERVIERS. — « Esperantista Grupo ». Se, dum la jaro 1924, la grupa, ĉe-membrara vivo estis tre malvigla, eĉ mortaspekta, aliflanke la komitato produktis senvantan, preskaŭ sekretmanieran, sed seriozan laboron, kiu trovis sian kronumon kaj rekompencon en la fine de lasta Oktobro okazinta **disdono de premioj kaj stipendio al la laŭreatoj de la nedeviga kurso de Esperanto,** subvenciata de la Urbo, ĉe la kvara grado de la urbaj lernejoj.

Ĉeestis ĉe tiu-ĉi ceremonio kiu okazis en « La Mutuelle » popola universitato : S-ino Borckmans, direktorino de la urbaj lernejoj de Spa kaj delegitino de U. E. A. ; S-roj F. Grün, provinca konsilanto kaj konsulo de Ĉilio ; C. Simon, skabeno ; Achille Simon, nova direktoro de la urbaj lernejoj de Verviers ; Hosay, urba konsilanto ; Léop. Lambion, prezidanto de « La Mutuelle ». Ĉeestis ankaŭ redaktoro de la ĵurnalo « Le Travail », S-ro Laurent.

S-ro Jongen, advokato kaj fervora Esperantisto el Liége, faris, en franca lingvo, agrablan paroladon pri Esperanto, akcentante precipe ĝian potencon rilate al Paco. Sprita, kaj konstante interesa, tiu-ĉi parolado havis la favoron esti vigle aplaŭdata de konkerita publiko.

S-ro A. Simon, direktoro de la Lernejoj, per mallonga sed konvinkiga paroladeto, montris ke la samideanoj, organizintoj de la kurso ĉe la

4a grado, povas fidi je lia plena helpemo. Al la enskribintoj por la nova kurso (je l' nombro de 75) li adresis alvokon, por ke ili sekvu fidele kaj serioze la kurson, kies graveco por la estonteco ne estas kontestebla.

Kelkaj recitadoj, nome de F-ino Marie Paquay : La Vojo ; F-ino Barbe Bebronne : La Kverko kaj la Kano ; S-ro Nadrin : la Korvo kaj la Vulpo ; kaj unu ĉarmega melodio de S-ro Jean Dohogne : Skota Balado, sekvis, rikoltante ĝeneralan aplaŭdon.

La disdono de premioj okazis laŭ ĉi-suba tabelo :

— Kurso ĉe la 4a grado, gvidata de S-ro M. Racoux, instruisto. Unu kun granda distingo kun stipendio de 25 fr.; kvar kun frukto ; du kun kontentigo.

— Perfektiga kurso, gvidata ĉe la Mutuelle de S-ro Jos. Hérion. Unu kun plej granda distingo ; kvar kun granda distingo ; unu kun frukto ; du kun kontentigo.

En alia ĉambro de la universitato, troviĝis ekspozicio de la korespondaĵoj de la lernintoj ; ĝi estis tre bone vizitata kaj vekis la scivolon de la ĉeestantoj.

Grava sekvo de la varbado de la nova direktoro de la lernejoj estas, ke tiu-ĉi decidis, ke de nun la disdono de premioj por la kurso de Esperanto ne plu okazos aparte, en pli malpli neoficiala ejo, sed samtempe kun la oficiala disdono de premioj de la urbaj lernejoj. Tio ja povas esti konsiderata kiel paŝeto al oficialigo de la kurso.

En sia finoktobra ĝenerala kunveno, Esperantista Grupo decidis i.a. rekomenci regule siajn ĉiusabatajn kunvenojn ; malfermi publikan kurson de Esperanto en sia ejo ; akcepti la inviton de Belga Ligo, **organizi la XIVan nacian kongreson en sia urbo.**

Ĉiuj ĉi supraj punktoj estas jam ellaborataj ; la ĉiusabataj kunvenoj rekomencis ; ilin ĉeestas i.a. franca samideano el Romorantin, S-ro Huguet ; kurso ĉiujaŭda, regule ĉeestata de ĉirkaŭ 15 gelernantoj, estas gvidata de S-ro I. Delhez ; fine, oni jam ekpreparas planojn por la proksima kongreso.

Ĉiulunde, nia samideano Jos Hérion daŭrigas la gvidon de perfektiga kurso por la junaj gelernintoj de la 4a grado.

Ĝis lasta Junio, S-ro Iwan Delhez gvidis **kurson ĉe la « Cercle d'Etudes » de Hodimont.** Oni decidis ne rekomenci ĝin por la nova jarperiodo, juĝante ke la aliaj kursoj en Verviers sufiĉas, kvankam necesas rimarkigi, ke la kurso de Hodimont produktis je l' fino 5 bonajn elementojn.

Multnombraj **ekskursoj** okazis tiun-ĉi someron inter la junularo de la Grupo. Dum Majo okazis promenado al Ninglinspo : ĝin partoprenis la fraŭlinetoj de la perfektiga kurso ; alia komuna ekskurso okazis dum Julio al Nessonvaux, partoprenata de kelkaj Liége kaj Spa-anoj ; same dum septembro al La Reid.

Se ĝis nun nia grupo ne jam posedas sian propran bulteneton esperante redaktitan (kiel la grupoj de Liége kaj Sclessin) ĝi tamen dispo-

nas la ĉiumonatajn bultenojn de « La Mutuelle » (sendataj regule al 300 membroj) en kiuj la grupo povas uzi lokon por siaj komunikaĵoj kaj informoj.

Ekster la agado de « Esperantista Grupo », ni citu la grandforman laboron de « Laborista Esperantista Grupo », kiu post impona propagando per multnombraj afiŝoj kaj anoncoj en la komunikiloj de « La Semeuse » (organizaĵo por popola instruo) malfermis kurson en la Popoldomo kun ĉirkaŭ 50 gelernantoj.

Depost 12a de Decembro, komencas kurso de Esperanto, gvidata de juna 18jara fervorulino, F-ino Barbe Bebronne, ĉe la « Foyer des Alliées » (Y. W. C. A.)

**Socia vivo de la membraro :** Mortis nia honora prezidanto : S-ro Konsilanto kaj eksurbestro Jules Spinhayer, kaj la kara edzino de nia sindona prezidanto S-ro Pirnay.

Edziniĝis F-ino Jeanne Philippe je S-ro Busch.

I. D.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «Le Matin» (30-11-24)) : anonco pri la 17a Universala Kongreso en Genève.

« De Diamantbewerker » (15-11) : represo de parto el artikolo aperinta en la Bulteno de la Transportlaboristoj. Tiu artikolo enhavas varman rekomendon por la uzado de Esperanto por la interŝango de ideoj kaj por la korespondado. « De Diamantbewerker » longe priparolas la artikolon kaj akcentas la signifon de ĝi.

BRUĜO. — « Brugsch Handelsblad » (22-11): pri deklaro de la franca ministro de publika instruado, favora al Esperanto, Anonco pri kurso organizota de la loka grupo. (29-11) : pri la rekomendo de Ligo de Nacioj pri Esperanto kiel klara lingvo.

« Journal de Bruges » (23-11) : anonco pri la malfermo de kurso de Bruĝa grupo ; (30-11) favora raporto pri la unua leciono de tiu kurso. (21 kaj 28-12) : notindaĵoj el la movado.

« La Patrie » (22-11) : anonco pri la kurso.

GENTO. — « Gazette van Gent » (7-9) & (25-12) : daŭrigoj de la frazaro de « Touring Club ».

«La Flandre Libérale » (9-11) : Artikolo « Le Problème d'une Langue Mondiale », franca eldono de la bonekonata studo de la finna lingvisto Em. Setälä de Helsinki (traduko de S-ro Van de Velde, C.) ; (23-11) :bonega artikolo de L. Cogen pri la historio de la internacia lingvo kun multaj detaloj pri la Esperanta movado ; (5-12) : S-ro C. Van de Velde majstre pritraktas la literaturan aloron de nia lingvo ; (11-12) : S-ro L. Cogen defendas trafe Esperanton kontraŭ atakoj de « Idisto », kiu la 7-12. publikigis artikolon kritikantan la eldirojn de

niaj ambaŭ gentaj amikoj. S-ro Cogen rebatas ĉiujn asertojn de « Idisto ». La artikolon sekvas « Noto de la Red. », kiu diras, ke ĝi ne deziras juĝi pri la praveco de ambaŭ opinioj esprimitaj, sed ĝi pensas ke, « se Esperanto estas pli disvastigita, Ido estas pli eleganta kaj por ĉion diri, pli harmonia ! » Ni permesas al ni esprimi dubon pri tio, ĉu la Redakcio sufiĉe funde pristudis la aferon kaj « praktikis » E. kaj I. antaŭ ol skribi sian ĉi supran opinion.

MEĤLENO. — « Gazet van Mechelen » (10-11) : kaj « Journal de Malines » (9-11) : Pri radio-parolado 16-10 el la sendstacio de Königswüsterhausen » ; anonco pri la 16a Kongreso universala.

BRUSELO. — « Radio-Belge » (27-11) : Traduko en franca lingvo, de S-ro De Ketelaere, de la granda kaj trafa artikolo « Internacia lingvo por T. S. F. ; (20-11) anonco de la Esperanta parolado en Königswüsterhausen.

# Gratuloj

Fraŭlino Raphaëlle De Cock el Antverpeno (Hoboken) fianĉiniĝis la 13an de Septembro je S-ro Antono Valls Roviralta, samideano el Ripollet-Barcelona.

F-ino Germaine De Boes, el St. Niklaas, senlaca propagandistino de nia lingvo, fratino de S-ro Ger. De Boes, prezidanto de la grupo « Al Triumfo », fianĉiniĝis je S-ro Jules Van Haver, el la sama urbo, la 23an de Novembro 1924.

Niaj plej koraj gratuloj iru al ili !

# Nekrologo

Ni prezentas niajn plej sincerajn kondolencojn al nia bona amiko S-ro Morris De Ketelaere, Antverpeno, pro la morto de lia amata patrino, S-ino EMERENCE L. J. JASPERS, Vidvino de S-ro Lucien De Ketelaere. La enterigon ĉeestis multaj antverpenaj gesamideanoj, membroj de la grupoj « La Verda Stelo » kaj « Verda Standardo ».

# La Deksepa Universela Kongreso en Genève, 3-7 aŭgusto 1925

**La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado decidis akcepti la inviton de la Svisa Esperanto-Societo kaj okazigi la XVII-an Universalan Kongreson en Genève.**

**Dato.** — La C. K. fiksis la daton de la kongreso je komenco de aŭgusto (3 ĝis 7) laŭ la plej ĝenerala deziro de la esperantistaro.

**Somera universitato en Esperanto.** — Laŭ aranĝo kun la Internacia Universitato fondita de s-oj Otlet kaj Lafontaine en Bruselo, okazos en Genève internacia universitata semajno en Esperanto de 1—7 aŭgusto 1925. Konataj profesoroj el diverslandaj universitatoj prelegos en Esperanto pri gravaj temoj de internacia juro, filozofio, filologio, Historio de Esperanto, pedagogio kaj psiko-analizo. En la du lastaj kampoj okazos prelegoj de la famaj psikologoj Prof. Pierre Bovet kaj Charles Baudouin, kiuj ambaŭ lernis nian lingvon kaj nun parolas ĝin flue.

**Provizora programo.** — Sabato, 1 aŭg. : Komenco de la Somera Universitato.

Dimanĉo, 2 aŭg. : Diservoj. Ĝardenfesto, Renkontiĝo.
Lundo, 3 aŭg. : Lekcioj. Vespere solena malfermo de la XVII-a.
Mardo, 4 aŭg. : Laborkunsido. Ŝipekskurso sur Genève'a Lago.
Merkredo, 5 aŭg. : Lekcioj. Prelegoj. Vespere teatro.
Ĵaŭdo, 6 aŭg. : Lekcioj. Prelegoj. Vespere Balo.
Vendredo, 7 aŭg. : Fermo de la kongreso. Fino de la kursoj.
Sabato, 8 aŭg. : Ekskursoj al svisa montaro.

**Kotizo.** — La C. K. decidis fiksi unu solan kotizon por ĉiuj kongresanoj sen diferenco pri landoj. Ĝi estos 25 svisaj frankoj, sed organizitaj esperantistoj, kiuj regule kotizas al nia Universala Esperanto-Asocio, ricevos rabaton de 20 % kaj pagos nur 20 svisajn frankojn. Junuloj (malsuper 20 jaroj), membroj de UEA, pagos nur 15 svisajn frankojn. Frua aliĝo estas rekomendata por helpi la aranĝon.

**Turistaj biletoj de UEA.** — Por la kongresanoj, kiuj dezirus eviti ĉiujn malfacilaĵojn de mendo, trinkmono, biletaĉetado ktp., UEA aranĝos por siaj membroj ne nur karavanojn, sed turistajn biletarojn entenantaj ĉiujn elspezojn de kongresano dum unusemajna restado en Genève, ekzemple :

kongreskarto, somera universitato, teatro, balo, ŝipekskurso, unusemajna loĝado kaj manĝado en tre bona hotel-pensiono, ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj. sv. fk. 140.— (bileto verda).
— ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en unuagrada hotelo ĉe la lago (ĉiuj trinkmonoj enkalkulitaj). sv. fk. 200.— (bileto flava).
— ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en la plej luksa hotelpalaco ĉe la lago kun trinkmonoj enkalkulitaj. sv. fk. 300.—.
— ĉio sama kun loĝado kaj manĝado en modesta studenta pensiono (trinkmonoj enkalkulitaj). sv. fk. 110.— (bileto ruĝa).

La manĝado kompreniĝas por tri manĝoj : matenmanĝo kompleta, tagmanĝo kaj vespermanĝo sen vino.

Al la mendintoj de tiuj turistaj biletoj, per zorgo de UEA, estos rezervataj la plej bonaj hoteloj kaj pensionoj kaj la plej bonaj sidlokoj en teatro. Ĉar la nombro de tiuj biletoj estos nepre limigata je apenaŭ kelkcentoj, estas rekomendinde tuj mendi ilin ĉe la «Kongresa Oficejo». Pago en tri partoj estos akceptata, la unua tuj, la dua en februaro, la tria en majo.

Tiu sistemo ne celas favori riĉulojn, sed nur la saĝe fruajn aliĝin-

tojn. Kontraŭe la mendintoj de tiuj biletoj elspezos entute por ĉio la minimumon da mono dum la ceteraj riskos pagi multe pli altajn prezojn pli poste por malpli bonaj lokoj. Rapidu do mendi ! Poste estos tro malfrue.

**Loĝado.** — Ĉar Genève estas tre plena en somero, estas necese rezervi ĉambrojn tre frue antaŭe. La Loka Komitato sendos al la aliĝintoj adresojn kaj prezojn de loĝejoj por ke ili antaŭmendu mem laŭ sia deziro.

**Manĝado.** — Estas utile memori ke Genève tute ne estas granda urbo. Nur centtridekmil loĝantojn ĝi havas. Kvaronhoro sufiĉas por piediri de la hoteloj aŭ pensionoj la plej malproksimaj al la kongresejo. Estas do rekomendinde loĝi pensione, t. e. manĝi samloke por ŝpari monon, ĉar aparta manĝado en restoracioj estas ĝenerale multe pli kara kaj Genève ne estas urbo kun multaj restoracioj krom la hoteloj mem.

**Senpaga vizo de pasporto.** — La Svisa Registaro informis la organizantojn de la Kongreso, ke la eksterlandaj partoprenontoj ricevos senpagan vizon de sia pasporto prezentante sian kongresan karton al la svisa konsulo en sia lando. Sed jam multaj diverslandanoj tute ne bezonas vizon por Svislando. Ni publikigos la liston de tiuj landoj poste.

**Turismo.** — La Svisa Turisma Oficejo eldonos belan gvidlibron de Svislando kun ilustraĵoj, kiun oni povos jam antaŭe peti de Schweiz Verkehrzentrale, Löwenstrasse. Zürich, Svislando, kie estas ankaŭ ricevebla listo de svisaj hoteloj kun prezoj. Esperantistoj dezirantaj restadi sur montoj devos laŭeble antaŭmendi ĉambron ĉar aŭgusto estas plena sezono.

Ĉiam skribu en Esperanto !

**Klimato.** — La klimato estas varma en Genève dum aŭgusto. Nur tiuj, kiuj volus poste restadi sur montaro, bezonos alporti varmajn vestojn aŭ mantelon kaj altajn ŝuojn.

ADRESO. — XVII. Universala Kongreso de Esperanto, 12 Bd. du Théâtre, Genève.

**Vojaĝkostojn.** — Por ke la belgaj kongresanoj jam de nun povu fari al si ideon pri la tutaj elspezoj, ni aldonas ke la nunaj prezoj de la bileto Bruselo-Basel estas: : IIa Kl.: Belg. Fr. 150.— proksimume ; IIIa Kl. : Belg. Fr. 350.— proksiire-revene. — Por la karavanoj alvenontaj en Basel estos luata verŝajne tutan aŭ duonan vagonaron ĝis Genève.

**Ŝparkonto.** — Por faciligi la partoprenon de la kongreso al la finance ne fortaj samideanoj, la kongresa kaso malfermas ŝparkonton en svisaj frankoj. Pri ĝi la kongresano povas decidi laŭ sia volo ; estas akceptataj enpagoj de 10 Fr. sv. laŭ taga kurzo en ĉiu fremda mono.

**Pagmaniero.** — Estas akceptataj ĉiuj bankbiletoj fremdaj, ĉekoj, k. t. p., kalkulataj laŭ taga kurzo. « U.E.A. » konsenstis ke oni uzu la avantaĝojn ekzistantajn de ĝia organizo. Plej facile por la belgaj kongresanoj estas do pagi al la poŝtĉekkonto belga Nr. 284 20 de F. Schoofs, Ĉefdelegito de U.E.A. por Belgujo, skribante sur la kupono de la poŝta pagilo aŭ transpagilo ĉiujn indikojn pri la celo de la monsendo (« XVII.

Univ. Kongreso » : « Kotizo », «Turista bileto », «Pago al Ŝparkonto », k. c.)

Karavano de Belgaj kongresanoj estos organizata de U. E. A. La belga ĉefdelegito informos ĝustatempe pri la detalaj aranĝoj. Samideanoj, kiuj intencas partopreni la kongreson sin anoncu al li jam de nun.

# Kantmuziko por Esperantistaj Kunvenoj

Io kio ŝajnas plej multe manki en niaj Esperantistaj kunvenoj (ĉu grupaj ĉu kongresaj festoj) estas bone tradukitaj kaj samtempe belaj, artaj kantverkoj. Certe jam de multaj jaroj oni ektradukis, eĉ eldonis tiajn verkojn, ekz. en la tiel interesa sed ne daŭrigita kolekto de Fjodorof («Vokala Muziko »), aŭ en la post la milito reeldonita « Internacia Kantaro», de Bennemann, kaj en la lastatempe aperinta unua kajero de la « Koncerta Kantaro », de Brederode, Veldkamp kaj Ziermans, kiu estas vere majustra entrepreno. Tamen tiuj eldonaĵoj liveras al ni nesufiĉan nombron de muzikaĵoj. Certe, devas ekzisti, ĉie kie estas Esperantistaj Societoj aŭ eĉ izolaj Esperantistaj muzikistoj, tradukoj de multaj kantoj ĉu popolaj, ĉu artaj, lirikaj aŭ dramaj, kuŝantaj malnete kaj forgesite en ia meblo aŭ ŝranko: tre ofte ili estis, supozeble, verkitaj je okazo de ia Esperantista festo, grupa aŭ kongresa, kaj post ilia okaza uzo, ili reperdiĝis por la kantama geesperantistaro.

Tio estas bedaŭrinda kaj estus dezirinde tiun lastan reĝuigadi je tiuj verkoj; sed jen, eldoni ilin estas, nuntempe ĉefe, afero nerealigebla pro la troa multkosteco de la presado. Ekzistas tamen alia rimedo: formi manskribitajn kolektojn de tiuj muzikaĵoj kaj konigi la listojn en niaj Esperantaj ĵurnaloj por ke la grupoj aŭ eĉ la izolaj Esperantistoj kiuj deziras ilin uzi povu pruntepreni ilin kelkatempe. Evidente tio postulus iom da tempo kaj da bonvolo; sed ĉu tiuj ambaŭaj aferoj, precipe la sindonemo, mankas al la veraj Geesperantoj? Mi supozas: NE, kaj, ĉar mi mem tradukis estinte kaj esperas ankaraŭ traduki tekstojn de diversspecaj kantverkoj, mi konigas ĉi sube mian liston, kun la espero ke aliaj Esperantistoj-muzikistoj sekvos mian ekzemplon :

A. — Jam kopiitaj kantoj, kun piana akompanaĵo kaj aparta folio enhavanta la nuran kanton kun la paroloj por la kantist(in)o :

1 — Orfeo (Mi perdis Eŭridicon), de Gluck.

2 — Bela rozo, kanto, de Bellini. (El Itala lingvo).

3 — Serenado el «Milenka», de Jan Blockx.

4 — Kial? kanto de J. Opsomer, (laŭ la flandra teksto de Fr. Verschoren).

5 — Himno de la Ĥina Respubliko, par. kaj muz. de J. Hautstont.

6)— La Kanto pri la Tagiĝo, por du unuoblaj aŭ horaj virinaj voĉoj, muz. de P. De Poerck (laŭ la franca teksto de Victor Hugo) ;

7 — La Fiŝkaptisto, malnova flandra popolkanto (malnova maniero), kun akompanaĵo de Florimond Van Duyse. (Esperanta traduko de O. Van Schoor).

B — Baldaŭ kopiotaj kantoj (sammaniere kiel la antaŭaj):

1 — Herbejon verdan trairis mi ('k Kwam lestmael door een groene wei), flandra popolkanto.

2 — Kor' mia dezirplena (Mijn hart is vol verlangen), muz. de Peter Benoit, laŭ la flandra teksto de Em. Hiel.

3 — Jen Kanto rava por la kor' (Ik ken een lied), muz. de De Mol, laŭ la flandra teksto de Antheunis.

4 — Lulkanto, muz. de Mozart, laŭ franca teksto de J. Barbier.

5 — La Truto, muz. de Schubert.

6 — Kavatino el Semiramis («Ho deloganta bela radio»), muz. de Rossini.

7 — Temo kun variaĵoj, muz. de Proch.

8 — Ario el Quentin Durward, muz. de Gevaert.

9 — La Fiŝkaptisto (nova maniero, kun la akompanaĵo de Jan Blockx, ĉerpita el la opero «Herbergprinses» (Trinkejprincino) Esperanta traduko de O. Van Schoor.

Por ricevi pruntedone tiujn muzikaĵojn, oni sin turnu al mia adreso : Dreef, 52, Ninove.

L. COGEN.

---

# Internacia Eksperimento pri instruo de Esperanto al Komercistoj

Sekve de la rezolucioj de la Komerca konferenco de Venecio en 1923, la Brita delegitaro, interkonsente kun la Konstanta Reprezentantaro, decidis organizi tiun internacian eksperimenton komercan. Ĝi konsistas el aranĝo de kursoj por komercistoj en kiel eble plej multe da diverslandaj urboj, sub kontrolo de komercaj institucioj aŭ gazetoj. Post la instrua periodo de 3 monatoj, (Januaro, Februaro, Marto), la kursanoj diverslandaj interrilatos unu kun alia pri komercaj aferoj por provi la efikecon de sia scio pri la lingvo kaj de ĝia taŭgeco por komercaj celoj. Poste okazos konkurso : la plej bona lernanto havos pagitan vojaĝon al Parizo, por ĉeesti la « Teknikan Konferencon por uzo de Esperanto en Komerco kaj Industrio » kiu okazos de la 14a ĝis la 17a de Majo 1925 kun la oficiala patronado kaj subvencioj de la Pariza Komerca Ĉambro kaj de la Pariza Foiro.

Belgujo ankaŭ partoprenos en tiu eksperimento. Samideanoj klopodas en Antverpeno kaj en Gento por starigi kurson kaj laboras inter la koncernaj lokaj institucioj kaj eminentuloj por ilin interesigi. En nia proksima numero ni povos doni pli detalajn informojn pri la rezultato, kiu tamen, en la momento kiam ni skribas ĉi tiujn liniojn sin anoncas tre bone !

# La Kapitano kaj lia Patrino

## de l'glora Flandra poeto Karel-Lodewijk Ledeganck

« Kara filino, kiam la koko
Morgaŭ nin vekos el la dormado,
Estu rapide ni vojirpretaj :
Iros ni malproksimen por vidi
La regimenton preterirantan.

Post forestado multe da jaroj
Glore revenas ĝi el milito.
Kaj via frato, nin forlasinta,
Laŭ li kutimis nin ĉirkaŭprenos
Kaj li konsolos sian patrinon. »

Kaj frumatene, antaŭ leviĝis
Suno, kaj antaŭ birdoj vekiĝis
Iris tra sablo kaj erikejo,
Mano ĉe mano, ambaŭ virinoj :
Jen la patrino, jen la filino.

Ili iradis horojn' kaj horojn ;
Malrapidire paŝas patrino ;
Flanke je ŝi trotetas filino ;
Ambaŭ kun ĝojoplena animo
Kaj kun espero ĉiodolĉiga

Fine atingis ili malsupron
Montan, proksime de la vojeto.
Sur la monteto lerte suriras
La junulino : « Ĝoju, patrino,
Tie mi vidas polvonubegon ! »

Turnis la kapo ŝi, aŭskultante :
« Ŝajnas al mi, mi aŭdas... ĉu estus
De la abeloj ara zumado ? —
Ho ne! Tambura estas bruado!
Ili jen estas! Sorto feliĉa !

« Mia patrino, al mi permesu :
Volas mi porti lian ilaron
Por ke kun vi li iru libere! »
Malsupreniras ambaŭ ĝis vojo
Kun pro ĝojego koroj batantaj.

Jen proksimiĝas regulpaŝante
La regimento kun sonilaro.
« Kaj nun, infano, bone atentu !
Nun nian timon ambaŭ forigu
Kaj per okuloj boru tra l'vicoj! »

Sed, ho ve ! ĉiuj estas pasintaj
Kaj la tutsola armilportanto
Ne rimarkita, estas li tiu !
Svenis patrino pro la doloro
Kaj ŝin subteni devis filino.

« Sed, ho patrino, ĉu mi eraras !...
Tiu ordena signo kaj sabro.....
Li, kiu tra la vicoj alkuras....
La kapitano !..... Estas li vere !
Li nin rekonas kaj al ni flugas ! »

Kaj post ekkrioj de la virinoj :
« Ho kara filo! » « Ho kara frato ! »
Miloj okuloj el regimento
Rave rigardas grupon kortuŝan :
La kapitan' kaj lia patrino !

Tradukis L. COGEN.

Rimarko: K.L. Ledeganck (Eecloo, 9an de Nov.1805.—Gento 19an de Marto 1847 estis paĉjuĝisto en Zomergem. Li tradukis la Civilan kodon en flandra lingvo. Talentega, delikata poeto li verkis diversajn poeziaĵojn inter kiuj « Bloemen mijner Lente » (Floroj el mia printempo) kaj la glora trilogio « De drie Zustersteden » (La tri fratinurboj) en kiu li prikantas Genton, Brugon kaj Antverpenon.

# Rakonto

## POR KIAM LA VETERO ESTAS VARMA.

Li estis Islandano kaj nomiĝis Borf Löry-Karoslassen. Ni estis interkonatiĝintaj okaze, ĉe hotela gastotablo. Tuj mi simpatiis por li pro lia maniero intermiksi la plej diversajn manĝaĵojn : li kutimis verŝi bieron en la spinacojn ; la ribokonfitaĵo utilis laŭ lia opinio por pligustigi la peklitan haringon ; siajn terpomojn li trempis en Bordeaux — vinon kaj ĉiam surverŝis per gadhepatoleo sian porcion da fragopasteĉo! Tio estas ja sufiĉe originala !

Kiam la vetero estis bela, Borf promenis sur la digo aŭ sur la sablomontetoj. Estas do ne utile rimarkigi nun ke ĉio tio okazis ĉe marbordo.

Kiam uragano siblis, Borf sidiĝis ĉe l'ekstremaĵo de l'trabobarilo kaj tie restadis dum diversaj horoj, rave rigardante la furiozajn ondojn.

De longe alveninte el Islando, Borf ekkonatiĝis iom post iom kun la misteroj de nia rimarkinda civilizacio. Ĉio mirigis tiun naivan infanon de l'Gejzeralando kaj li esprimis sian miron per la vortoj: «Estas admirinde, estas admirinde ! » kiujn li rediris ĝis plena sekiĝo de siaj salivaj glandoj. Mi estis preninta sur min lian instruiĝon.

—Tio, Borf, tio estas fervojo ! »

— Estas admirinde ! diris Borf.

— Tio, Borf, tio estas kroketludo ».

— Estas admirinde ! diris Borf.

— Tio, Borf, tio estas mitulŝipo ».

— Estas admirinde ! diris Borf.

Mi estis instruinta al li fumi kaj Borf fumis cigarojn admirindajn po proksimume tridek en ĉiu tago.

Ian tagon, kiam fortege ventis, mi trovis Borf'on sidantan ĉe l'ekstremaĵo de l'trabobarilo.

Borf estis malgaja : li deziris fumi cigaron « admirindan », sed neeble sukcesis ekbruligi ĝin pro tiu diabla vento. Mi havis alumedojn dumventuzeblajn.

— Tio, Borf, tio estas dumventuzeblaj alumedoj : tio brulas meze en la plej fortaj ventoj ; Vidu ! » kaj mi bruligis mian cigaron. Borf estis tute miregigita ! « Estas admirinde ! » li diris kaj tuj li iris aĉeti dekdu skatoletojn da ili kiujn li zorge dismetis en la diversajn poŝojn de sia vestaĵo.

La sekvanta tago estis belvetera. De l'sesa matene, ni estis sur la sablomontetoj, Borf kaj mi, kuŝantaj sur la sablo. Maro trankvila kiel lago ; ĉielo maldiafane blua ; neniu venteto sentebla. Iamomente Borf, kuŝanta apud mi, tuj ekstariĝas kaj lia vizaĝo montras grandan maltrankvilecon.

— Malruzulo kiu mi estas, li diras ; neeble bruligi mian cigaron. »

— Kaj viaj alumedoj, Borf ? Ĉu vi ne kunportis viajn alumedojn ?

— Certe, respondas Borf ; certe mi kunportis miajn admirindajn dumventuzeblajn alumedojn ; sed kiel ilin uzi ? Hodiaŭ.... ne eĉ iomete ventas !! »

El la estinta belga ĵurnalo « Le Petit Bleu »
Tradukis L. COGEN.

# Spritajoj

JUĜA PERSEKUTISTO : « Ĉu via patro estas hejme, knabo ? »
FRANĈJO. — Ne, paĉjo vojaĝas.
JUĜA PERSEKUTISTO : « Kaj via patrino ? »
FRANĈJO : « Panjo .... Tiu estas ankaŭ en la vestoŝranko ! »

SNIP : « Mia filino estas jam dujaraĝa kaj ŝi ne scias ankoraŭ paroli. »

SNAPS : « Tio tute ne gravas ! Mia bopatrino rakontas ĉiam ke mia edzino nur komencis paroli dum sia tria jaro.... kaj se vi aŭdus ŝin nun.... ! »

En Chicago, sinjorino maŝinlaboris dum 29 jaroj per la sama pikilo (maŝigilo). Tiu ĉi ilo tiel kutimiĝis al la laboro, ke ĝi sola daŭrigis ĝin, kiam la sinjorino forlasis la ĉambron. Post la morto de ĝia mastrino ĝi ne plu permesis ke oni trametu fadenon ; oni ekzamenis ĝin kaj oni trovis..... larmon en ĝia okulo (*).

Post longa diskutado, la patro fine kaj grandpene sukcesis ke lia koleriĝinta filo silentas :

La patro. — M. estis konvinkita ke mi sukcesos silentigi vin !
La knabo, obstine. — Mi ne silentas, mi ripozas !

# Diversaj Informoj

VERDA LIBERTEMPO 1925. — Ĝi estas unua provo tiuspeca. Libertempejo ne en urbo, sed ekstere en la verda naturo, libertempejo de verdstelanoj diversnaciaj. Verda Libertempo, konsentita de UEA kaj GEA, estas projektata je kelkaj po dusemajnaj kunvenoj inter majo kaj julio 1925 en belega regiono de la meza Rejno. La prezo de parto-

(*) Okulo : tiel oni nomas la kudriltruon en flandra lingvo.

preno, enhavante ĉiujn apudkostojn (kun ekskursoj) estos ekstreme malalta kompare al aliaj libertempoj.

Gesamideanoj-interesuloj notigu (senprokraste por ne forgesi) sian adreson ĉe s-o Leono Funken, Florinsmarkt 7 a, Koblenzo, Germanujo, — aŭ REMI VAN EYNDE, UITBREIDINGSTRAAT, 184, BERCHEM-ANTWERPEN (BELGUJO).

Rim. : Dezirantaj TUJ respondon aldonu respondpagon !)

* * *

LA III. DANZIGA INTERNACIA FOIRO (5.-8. Februaro 1925) eldonis ilustritan reklamfolion en Esperanto. — Jam en 1924 ĝi plej vaste uzis Esperanton : la estraro sendis delegiton al la Universala Kongreso en Wien, kaj permesis al la loka grupo organizi ekspozicion pri Esperanto, kiun vizitis pli ol 20.000 personoj. — Kiu volas havi informojn pri la foiro sin turnu al S-ro Aeltermann, Estro de la Esperanto-Fako kaj Del. de U. E. A.

---

## « LITERATURA MONDO »

## OFICIALA ESPERANTO-ENTREPRENO.

La bonsukcesa, sola literatura gazeto en Esperanto, kiu volas anstataŭi la pactempajn gazetojn : « La Revuo » kaj « Lingvo Internacia » kaj kies redaktantoj ricevis la nunjarajn premiojn de la Esperantista Akademio, estis ĝis nun privata entrepreno. Laŭ decido de la Hungarlanda Esperanto-Kongreso, la Hungara Esperanto-Instituto transprenis la eldonadon, kaj esperas, ke la tutmonda esperantistaro helpos la literaturajn kaj artajn klopodojn de KALOCSAY kaj BAGHY, ke ili povu konstante redakti la « Literaturan Mondon » per kunhelpo de la tutmonda kunlaborantaro !

Ni povas tutkore gratuli la kuraĝajn eldonantojn de « L. M. » pro la jam liverita laboro, kaj esperi, ke la Esperantistaro atentos la pravan rekomendon pri « L. M. » de la 16a Int. Kongreso en Vieno. (Vidu B. E. paĝo 78).

La oficiala abonprezo estas nun 2 DOLAROJ aŭ proks. Frb. 40.—. Konsiderante la necesecon de la apogo, kiun bezonas la eldonantoj, S-ro Schoofs, la reprezentanto de L. M. en Belgujo fordonos, kiel kutime, al la abonantoj la kvazaŭ-tutecon de la rabato konsentita al la nacia reprezentanto, kaj akceptas la abonon po Fr. bel. 27.50. (Pagebla al la poŝtĉeka konto 284.20).

ĈIES KUNLABORO estas nepre necesa por certigi la vivon kaj la sukceson de nia sola Literatura revuo !

Ni dezirus instigi ĈIUN esp. grupon en la mondo aboni la literaturan revuon. Tiamaniere la problemo pri la daŭra apero de « L. M. » estos definitive solvita !

# La Sistemo de D-ro Zamenhof pri Landnomoj

Tie ĉi mi deziras simple klarigi por tiuj, kiuj ĝin ne bone komprenis, la sistemon de nia Majstro pri la Landnomoj :

1ᵉ, Koncerne la landojn de la Malnova Mondo (Eŭropo, Azio), la « indiĝena » popolo donas sian nomon al la lando : Germano, Germanujo, Ĉeho, Ĉehujo, Slovako, Slovakujo : kunmetitaĵo : Ĉehoslovakujo, k.t.p. Tamen la landnomojn, kiuj finiĝas per.... lando, D-ro Zamenhof konservas senŝanĝe: Holando (Regnano: Holandano). (°)

2ᵉ, Koncerne la landojn de la Nova Mondo (Ameriko, Afriko, Aŭstralio), kie la «enmigrantoj» fakte malaperigis la indiĝenan popolon, li alprenas la nomon mem de la lando, Esperantigante ĝin: Peruo (Peruano, Maroko (Marokano), k. t. p.

Forprenu ....UJO, vi havas la nomon de l'regnano ; forprenu ....ANO, vi havas la nomon de la lando.

3ᵉ, Koncerne la nomojn de provincoj : la provincan nomon, Esperantigante ĝin, kiam eble.

Ĉu ne klara, ĉu anarkia tia sistemo ? NE !

« Neniu sistemo », (pri la Landnomoj), skribis Prof. Grosjean-Maupin, la Akademia Raportinto pri la demando (1922), «estas plene » rekomendinda el TEORIA vidpunkto ; pro tiu ĉi motivo ni devas kon- » sideri nur la PRAKTIKAN vidpunkton, el kiu la fideleco al la ĝis- » nuna tradicio (la Zamenhofa) estas pli sendanĝera ol kiu ajn pro- » vo.» (°°)

TH. CART, Prezidanto de la Lingva Komitato.

# NI MEMORU

Se iu el vi trovas, ke ni devas fari tion aŭ alian, prezentu vian deziron al la Lingva Komitato. Se tiu Komitato ŝajnas al vi tro konservativa, tiam memoru, ke ĝi ekzistas ne por la plenumado de diversaj personaj kapricoj, sed por la gardado de la interesoj de la tuta Esperantistaro ; ke pli bone estas, ke la Komitato faru tro malmulte, ol ke ĝi facilanime faru ian paŝon, kiu povus malutili al nia tuta afero. Ĉar vi ĉiuj konfesas, ke la esenco de nia lingvo estas ĝusta kaj oni povas disputi nur pri detaloj, tial ĉio bona kaj ĉio efektive necesa povas facile esti farata en ĝi per vojo lojala, en harmonio kaj paco.

**(Zamenhof, 4a Kongreso. Dresden 17-8-1908).**

---

(°) Skotujo (Skoto), Fin(n)ujo Fin(n)o, estas cetere korektaj formoj, sed malpli ofte uzataj ol Skotlando, ktp.

(°°) Raporto aprobita de la Akademio kaj de la Lingva Komitato (Nov. 1922).

# La Kapricoj de Mariano

## ALFRED DE MUSSET

(Fino)

MARIANO. — Ha ! Ha ! vere, jen novaĵo ! Oktavo estas mia parenco tute kiel via ; mi pretendas paroli al li kiam bone ŝajnas al mi, sub libera ĉielo aŭ aliloke, kaj en mia domo, se plaĉas al li veni tien.

KLAŬDIO. — Memoru tiun lastan frazon, kiun vi ĵus elparolis. Mi aranĝas por vi ekzemplan punon, se vi agos kontraŭ mia volo.

MARIANO. — Bontrovu ke mi agu laŭ la mia, kaj aranĝu por mi tion , kio plaĉas al vi ; mi tute ne atentas pri tio.

KLAŬDIO. — Mariano, rompu ni ĉi tiun interparoladon. Aŭ vi konvinkiĝos pri la maldececo de haltiĝo sub laŭbo, aŭ vi rudigos al mi perforton, kiun abomenas mia vesto. **(Li foriras).**

### DEKA SCENO

### MARIANO, sola.

Hola! venu ĉi tien! **(Al servisto kiu eniras).** Ĉu vi vidas tie, en tiu domo, tiun junulon, kiu sidas ĉe tablo? Diru lin ke mi deziras paroli al li kaj ke libonvolu veni ĉi tien. **(La servisto eniras en la trinkejon).** Jen novaĵo ! Kion oni kredas pri mi? Kia malbonaĵo estas do? kiel mi do aspektas hodiaŭ? jen malbelega robo ! Kion tio signifas? Vi devigos min fari perforton ! Kian perforton? Mi dezirus, ke mia patrino estu ĉi tie. Ha ! bah ! ŝi samopinias kiel li tuj depost li diras unu vorton. Mi ŝatus bati iun. Mi estas tro bonkora, vere ! Ha ! tio estas do la komenco? Oni antaŭdiris tion al mi, mi sciis ĝin, mi atendis ĝin ! Paciencon ! paciencon ! Li aranĝas por mi punon, kaj kian ekzemple? Mi tre dezirus scii kion li volas diri.

### DEKUNUA SCENO.

### OKTAVO, MARIANO.

MARIANO. — Alproksimiĝu, Oktavo, mi deziras paroli al vi. Mi pripensis pri tio kion vi diris al mi koncerne vian amikon Ĉelio. Diru al mi, kial li ne klarigas sin mem ?

OKTAVO. — Pro tre simpla kialo : li skribis al vi, kaj vi disŝiris liajn leterojn : li venigis iun al vi, kaj vi fermis la buŝon al li; li donis al vi koncertojn, kaj vi lasis lin en la strato. Vere. Li sin fordonis al diablo kaj oni farus tion por malpli.

MARIANO. — Ĉu tio signifas, ke li pensis al mi?

OKTAVO — Jes.

MARIANO. — Nu ! parolu al mi pri li.

OKTAVO. — Ĉu estas serioze?

MARIANO. — Jes, jes, serioze ; jen, mi aŭskultas.

OKTAVO. — Vi volas ridi.

MARIANO. — Kia kompatinda advokato vi estas do? Parolu, egale ĉu mi volas ridi aŭ ne.

OKTAVO. — Kial vi rigardas dekstren kaj maldekstren? Vere vi estas kolera.

MARIANO. — Mi deziras ĝi laŭmoda, Oktavo, mi deziras havi ser veman kavaliron. Ĉu ne tiel oni nomas tion? Se mi ĵus bone komprenis vin, vi riproĉis al mi, pere de via botelo, ke mi estis tro severa kaj forpelas tiujn kiuj min amas? Bone, mi konsentas aŭskulti ilin. Mi estas minacita, mi estas ofendita, kaj, mi demandas al vi, ĉu mi meritas tion?

OKTAVO. — Ne, certe ne!

MARIANO. — Mi ne povas mensogi nek trompi iun, kaj estas precize pro tio, ke mi ne volas esti trudata, kaj, Sigisbeo aŭ Patito, kiu ajn virino, en Italujo, ne toleras apud si tiujn kiuj klopodas paroli al ŝi pri amo, kaj, tio tamen ne estas konsiderata kiel malbonaĵo aŭ mensogo? Vi diras, ke oni donas al mi koncertojn kaj ke mi lasas la virojn en la strato! nu, mi lasos ilin ankoraŭ tie, sed mia latkurteno estos duonmalfermita; mi estos tie ; mi aŭskultos.

OKTAVO. — Ĉu mi povas ripeti al Celio?

MARIANO. — Al Celio aŭ al kiu ajn, ne gravas por mi. — Kion vi konsilas al mi, Oktavo? Jen, mi tute fidas je vi. Nu, ĉu vi ne parolas? Mi diras, ke mi volas ĝin. — Jes, ĉi tiun vesperon mem, mi ŝatas ke oni donu al mi serenadon, kaj plaĉos al mi ĝin aŭskulti. Mi estas scivola, ĉu oni malpermesos tion al mi. (Donante al li banton de sia robo). Jen miaj koloroj. Portu ilin tiu, kiun vi elektos!

OKTAVO. — Mariano! kiu ajn estu la kialo, kiu inspiris al vi minuton da komplezemo, ĉar vi venigis min, ĉar vi konsentas aŭskulti min, en la nomo de la ĉielo, restu la sama dum unu minuto ankoraŭ ; permesu min, ke mi parolu al vi.

MARIANO. — Kion vi deziras diri al mi?

OKTAVO. — Se iam viro en la mondo estis indi por vin kompreni, inda por vivi kaj morti por vi, tiu viro estis Celio. Mi neniam multe taŭgis, kaj mi konfesas, ke la pasio kiun mi laŭdas, havas malbonan interpretiston. Vi, tiom bela, tiom juna! se vi scius kia trezoro da feliĉo kuŝas en vi, en li! en tiu freŝa aŭroro de juneco, en tiu ĉiela roso de la vivo, en tiu unua akordo de du ĝemelaj animoj! mi ne parolas al vi pri lia suferado, pri tiu dolĉa kaj amema melankolio kiu neniam laciĝas pro via severeco, kaj kiu mortus sen plendo pro tio! Jes, Mariano, li mortos pro tio. Kion mi povas diri al vi? Kion mi eltrovos por doni al miaj paroloj la fortikecon kiu mankas al ili. Mi ne konas la lingvaĵon de la amo. Rigardu en vian koron; estas ĝi kiu povas paroli al vi pri la lia. Ĉu ekzistas povo kiu kapablas tuŝi vin? Vi, kiu scias humile preĝi al Dio, diru, ĉu ekzistas preĝo kiu povas esprimi tion, je kio mia koro estas plena? (Li ekgenufleksas).

MARIANO. — Restariĝu, Oktavo. Vere, se iu alvenus, ĉu oni ne kredus, aŭdante vin, ke por vi mem vi pledas?

OKTAVO. — Mariano! Mariano! en la nomo de la ĉielo, ne ridetu! ne fermu vian koron post la unua lumero kiu eble penetris ĝin!

MARIANO. — Ĉu vi estas certa, ke rideti ne estas permesate al mi?

OKTAVO, (restariĝante). — Jes, vi pravas, mi konas ĉiujn malbonaĵojn kiujn mia amikeco povas kaŭzi. Mi scias kiu mi estas; mi sentas ĝin : tia parolado el mia buŝo iom similas, al ŝercado. Vi dubas pri la sincereco de miaj paroloj; neniam mi sentis pli amare ol nun ke nur malgrandan konfidon mi povas inspiri.

MARIANO. — Pro kio? vi vidas ke mi aŭskultas. Ĉelio malplaĉas al mi; mi ne ŝatas lin. Parolu al mi pri iu alia, pri kiu vi volas.

OKTAVO. — Ho virino trifoje virina! Ĉelio malplaĉas al vi — sed la unua preterpasanto, kiu ajn, eble plaĉus al vi. La viro kiu vin amas, kiu sekvas viajn paŝojn, kiu tutkore mortus pro unu vorto el via buŝo, tiu malplaĉas al vi. Li estas juna, bela, riĉa kaj inda laŭ ĉiuj vidpunktoj, sed li malplaĉas al vi! kaj kiu ajn nekonatulo plaĉus al vi.

MARIANT. — Faru kion mi diris, aŭ revidu min neniam. (Ŝi eniras en la domon).

DEKDUA SCENO.

OKTAVO, sola.

Vi estas tre bela, Mariano, kaj via kolera kapriceto estas ĉarma packontrakto. Ne multan memestimon mi bezonus por kompreni ĝin ; iom da perfido sufiĉus. La aranĝo tamen utilos al Ĉelio.

DEKTRIA SCENO

ĈELIO, OKTAVO.

ĈELIO. — Vi venigis min, amiko mia, nu, kian novaĵon?

OKTAVO. — Piku ĉi tiun rubandon sur vian ĉapon, Ĉelio; prenu vian gitaron kaj vian glavon; nia afero estas duone gajnita.

ĈELIO. — Je Dio, ne moku min.

OKTAVO. — La nokto estas bela — la luno ekaperas sur la horizonto. Mariano estos sola ĉi tiun vesperon malantaŭ sia latkurteno ; ŝi konsentas aŭskulti vin.

ĈELIO. — Ĉu vere? ĉu vere? aŭ vi estas mia vivo, Oktavo, aŭ vi estas senkompata.

OKTAVO. — Mi certigas al vi ke ĉio estas interkonsentita; bona mantelo tre longa, ponardo en la poŝo, masko sur la vizaĝo.... Ĉu vi havas maskon?

ĈELIO. — Ne.

OKTAVO. — Ĉu vi ne havas maskon? — Amanta, kaj dum karnavalo ! Tiu knabo pensas pri nenio! Iru do ekipi vin kiel eble plej rapide.

ĈELIO. — Ha! Dio mia! kiel rapide batas mia koro.

OKTAVO. — Kuraĝon, amiko mia ! Ekiru ! Vi ĉirkaŭbrakos min kiam vi revenos. Ekiru ! ekiru ! baldaŭ eknoktiĝos. (Ĉelio foriras). La koro mankis al li, li diris ! kaj al mi ankaŭ, ĉar mi nur vespermanĝis duone. Kiel rekompenco por miaj klopodoj, mi regalos min per vespermanĝo. (Vokante). He! hola! Giovani! Beppo!.... (Li eniras en la gastejon).

## DEKKVARA SCENO.

**TIBIA, KLAŬDIO, MARIANO, sur la balkono, du Glavistoj.**

**KLAŬDIO, al la glavistoj. — Lasu lin eniri, kaj ĵetu vin sur lin tuj kiam li estos alveninta al tiu arbetaro. (Unu el la glavistoj foriras).**

**MARIANO, sur la balkono, aparte. — Kion mi vidas! mia edzo kaj** Tibia!

TIBIA, al Klaŭdio. — Kaj se li alvenos de la alia flanko?

KLAŬDIO. — Kion vi diras, Tibia? de la alia flanko! ĉu mi vidus tiel malsukcesi mian tutan planon?

MARIANO, aparte. — Kion ili diras?

TIBIA. — Ĉar ĉi tiu placo estas stratkruciĝo, oni povas eniri en ĝin dekstre kaj maldekstre.

KLAŬDIO. — Vi pravas, mi ne pensis pri tio.

TIBIA. — Kion fari, sinjoro, se li alproksimiĝas el la maldekstra flanko?

KLAŬDIO. — Tiam, atendu lin ĉe la angulo de la muro.

MARIANO, aparte. — Ho ĉielo! kion mi aŭdis?

TIBIA. — Kaj se li venas de la dekstra flanko?

KLAŬDIO. — Atendu iomete. — Vi faros same. (La alia glavisto foriras).

MARIANO, aparte. — Kiel averti Oktavon?

TIBIA. — Jen li alvenas. Rigardu, sinjoro, kiom granda estas lia ombro! estas belstatura viro.

KLAUDIO. — Retiriĝu ni, kaj frapu ĝustatempe.

## DEKKVINA SCENO.

ĈELIO, maskita, MARIANO, sur la balkono.

ĈELIO, alproksimiĝante al la balkono. — Mariano! Mariano! ĉu vi estas tie?

MARIANO. — Forkuru, forkuru, Oktavo!

ĈELIO. — Sinjoro, Dio mia! kiun nomon mi aŭdis?

MARIANO. — La domo estas ĉirkaŭita de mortigistoj; mia edzo aŭdis nian konversacion, kaj via morto estas certa, se vi restas ankoraŭ unu minuton.

ĈELIO. — Ĉu estas revo? ĉu mi estas Ĉelio?

MARIANO. — Oktavo, Oktavo, en la nomo de la ĉielo, ne haltu! Ke estu ankoraŭ tempo por elsavi vin! Estu morgaŭ, je tagmezo malantaŭ la ĝardeno, mi estos tie. (Ŝi forlasas la balkonon).

## DEKSESA SCENO

ĈELIO, TIBIA sekvas lin kaj sin kaŝas.

ĈELIO, sin demaskante kaj eltirante sian glavon. — Ho morto! ĉar vi estas tie, do helpu min. Oktavo, perfida Oktavo! ke mia sango refalu sur vin! Por kiu celo, por kiu profito vi enirigis min en ĉi tiun teruran kaptilon, mi ne povas kompreni, sed mi scios ĝin, ĉar mi venis;

kaj eĉ per la perdo de mia vivo, mi scios la veron pri ĉi tiu terura enigmo. (Li foriras, Tibia sekvas lin).

DEKSEPA SCENO

OKTAVO, sola, elirante el la trinkejo.

Ha ! kien mi iros nun ? mi faris ion por la feliĉo de aliulo, kion mi eltrovos por mia plezuro ? Ja! jen bela nokto, kaj vere ĉi tio devas esti konsiderata. — Vere, tiu virino estis bela, kaj ŝia eta kolero plibeligis ŝin! De kie ĝi venis ? tion mi nescias. — Tute ne gravas, kiamaniere la ebura globeto falas sur la numeron kiun ni deziris! Forkapti amatinon de amiko, estas tro senskrupula ruzo por mi. La ĉefa afero estis la vespermanĝo! Estas kompreneble ke Ĉelio estas ne manĝinta. — Kiel vi estus abomeninta min, Mariano, se mi estus aminta vin! vi certe fermigus la pordon antaŭ mi ! via edzo estus estinta por vi Adonis, Silvano, kompare kun mi ! Kio estas do la kaŭzo de ĉio ? La kaŭzo de ĉio estas la hazardo ! Estas nur feliĉo kaj malfeliĉo en ĉi tiu mondo. Ĉu Ĉelio ne estis hodiaŭ matene senespera, kaj nun... (Oni aŭdas obtuzan bruon kaj tintadon de glavoj). Kion mi aŭdis ? Kion signifas tiu bruo ?

ĈELIO, kun sufoka voĉo. — Helpon !....

OKTAVO. — Ĉelio! estas la voĉo de Ĉelio. (Kurante al la krado). Malfermu, aŭ mi enrompas la kradon !

DEKOKA SCENO

OKTAVO, KLAŬDIO.

KLAŬDIO ekaperante. — Kion vi deziras ?

OKTAVO. — Kie estas Ĉelio ?

KLAŬDIO. — Mi ne pensas ke li kutimas tranokti en ĉi tiu domo.

OKTAVO. — Se vi mortigis lin, Klaŭdio, gardu vin; mi fortordos la kapon al vi per ĉi tiuj manoj.

KLAŬDIO. — Ĉu vi estas freneza aŭ somnambula ? Serĉu en ĉi tiu ĝardeno, se vi deziras; mi vidis neniun eniri en ĝin; kaj se tiu volis fari tion mi rajtis ne malfermi al li. (Oktavo eniras, Klaŭdio iras antaŭ Tibia kaj diras al li:) Ĉu ĉio estas farita kiel mi ordonis ?

TIBIA. — Jes, sinjoro, estu trankvila; ili povas serĉi tiel longtempe kiel ili deziros.

KLAŬDIO. — Nun pensu ni al mia edzino, kaj iru ni averti ŝian patrinon. (Ili foriras).

DEKNAŬA SCENO.

MARIANO, sola.

Estas certe, mi ne eraras — mi bone vidis, mi bone aŭdis: Malantaŭ la domo, tra la arboj, mi vidis ombrojn disajn ĉi tie kaj tie, subite kuniĝantaj kaj ĵetantaj sin sur lin. Mi aŭdis la bruon de la glavoj, poste obtuzan krion, la plej malbonsignan, la lastan alvokon! — Malfeliĉa Oktavo ! kiom ajn kuraĝa li estis (ĉar li estis kuraĝa) ili surprizis lin, fortrenis lin. Ĉu estas eble, ĉu estas kredeble ke tia peko estas pagita tiom multe ? Ĉu estas eble ke tiom malmulte da bonsento kaŭzas

tiom da kruelo? Kaj mi kiu agis tiom senpripense, tiom freneze, pro nura amuzajo, pro nura kaprico! — Mi volas vidi lin, mi volas esti certa....

DUDEKA SCENO

MARIANO, OKTAVO, eniras kun la glavo en la mano rigardante ĉiuflanken.

MARIANO. — Oktavo, ĉu estas vi?

OKTAVO. — Estas mi, Mariano. — Celio pereis!

MARIANO. — Celio, vi diras. Kiel estas eble?....

OKTAVO. — Li pereis!

MARIANO. — Ho ĉielo!

OKTAVO. — Li pereis! Ne iru tien.

MARIANO. — Kien vi volus, ke mi iru? Mi estas perdita! Ni devas foriri, Oktavo, ni devas forkuri. — Ĉu Klaŭdio ne estas en la domo?

OKTAVO. — Ne, ili antaŭzorgis pri ĉio, kaj lasis min prudente sola.

MARIANO. — Mi konas lin, mi estas perdita, kaj vi eble ankaŭ... Foriru ni! ili revenos, kaj baldaŭ.

OKTAVO. — Foriru se vi volas, mi restas. Se ili revenos ili trovos min, kaj kio ajn povu okazi, mi atendos ilin. Mi volas gardi lin dum lia lasta dormo.

MARIANO. — Sed min, ĉu vi forlasos min? Ĉu vi scias kian danĝeron vi riskas, kaj kiom ili deziregas venĝon?

OKTAVO. — Rigardu tien, malantaŭ tiuj arboj, tiun malgrandan lokon malhelan, je la angulo de la muro; tie kuŝas mia nura amiko; pri la resto mi ne zorgas.

MARIANO. — Ĉu eĉ ne pri via vivo — nek pri la mia?

OKTAVO. — Eĉ ne pri ili. Rigardu tien!.... Mi sola en la mondo konis lin. Metu sur lian tombon alabastran urnon kovritan per longa funebra vualo, tio estos lia plena figuro. Estas tiel, ke dolĉa melankolio kovris la perfektaĵojn de tiu amema kaj delikata animo.... Estus estinta feliĉa la virino, kiu estus aminta lin.

MARIANO. — Ĉu li estus defendinta ŝin, se ŝi estus en danĝero?

OKTAVO. — Jes, nepre, li estus farinta tion! — Li sola estis kapabla senlime sinoferi; li sola estus dediĉanta sian vivon al la virino, kiun li amis, tiel facile kiel li maltimis la morton por si.

MARIANO. — Kaj vi, Oktavo, ĉu vi ne farus tion?

OKTAVO. — Mi? — mi nur estas senkora diboĉulo; mi ne estimas la virinojn. La amo, kiun mi inspiras, egalos tiun kiun mi sentas, la sendaŭra ebrieco de sonĝo. Mia gajeco estas nur masko: mia koro estas pli maljuna ol ĝi! Ha! mi estas nur malkuraĝulo! lia morto ne estas venĝita! (Li ĵetas sian glavon teren).

MARIANO. — Kiel ĝi povus esti venĝita?.... Klaŭdio estas tro maljuna per akcepti duelon, kaj tro potenca en ĉi tiu urbo por ion timi de vi.

OKTAVO. — Ĉelio estus venĝonta min, se mi estus mortinta por li kiel li estas mortinta por mi. Lia tombo apartenas al mi; estas mi, kiun ili sternis en tiu malhela aleo; estas por mi, ke ili pintigis siajn glavojn; estas mi, kiun ili mortigis!.... Adiaŭ la ĝojo de mia juneco, la senzorga amuzo, la libera kaj gaja vivo ĉe la malsupro de la Vesuvo! Adiaŭ la bruaj festenoj! Adiaŭ Napoli kaj ĝiaj virinoj, la maskofestoj en la lumo de la torĉoj, la longaj vespermanĝoj en la ombro de la arbaroj! Adiaŭ la amo kaj la amikeco! — Mia loko estas malplena sur la tero

MARIANO. — Ĉu vi estas tute certa, Oktavo? Kial vi diras: adiaŭ la amo ?

OKTAVO. — Mi ne amas vin, Mariano, estis Ĉelio kiu vin amis.

FINO.

# Bibliografio

EUROPO ĈE LA ABISMO. — de Francesco Nitti, iama ministrara Prezidanto itala. — Esperanta Traduko, laŭ komisio de la eldonejo, de S-ro Rob. Kreuz. Eldonita de la Frankfurter Societäts-Drückerei. G. m. b. H. Abteilung Buchverlag. — Frankfurt-am Main. 1924. 180 paĝoj : 14.5 × 21,5 cm. Prezo : Orm. 3 00. — Detala analizo de la postmilita politika situacio de Eŭropo. La aŭtoro rigardas la problemon pli speciale de la vidpunkto de la centr-eŭropaj ŝtatoj. — Neniel konsiderante la politikan enhavon de la libro ni certigu ĉi tie ĝian modelstilan Esperantan lingvaĵon kaj ni akcentu la gravecon de la fakto ke la aŭtoro kaj eldonistoj de la verko konsentis pri la eldono de la traduko en Esperanto. La Esperantistaro notu, ke la politika mondo komencas konscii la ekziston de internacilingva publiko, al kiu ĝi povas komuniki siajn ideojn pri nuntempaj problemoj publikaj. — La aŭtoro skribis tre interesan antaŭparolon por tiu eldono en Esperanto.

LA MALŜPARULO, de F. Raimund. — Sorĉfabelo en tri aktoj, tradukita el la germana lingvo de F. Zwach. — Eldonita de Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig 1924 Esperanto Fako. 100 paĝoj : 12.5×18.5 cm. Prezo : G. Orm. 1.80. Nova perlo pligrandigas la kolekton de teatraĵoj ludeblaj en nia lingvo. Ĉi tiu nova verko precipe interesos la samideanaron ĉar « La Malŝparulo » estis sukcese ludata dum la lastokazinta kongreso universala en Vieno (1924).

FOIRO DE FRANKFURT. — 6-12 de Aprilo. — Okpaĝa prospekto ilustrita, de Frankfurt (14 × 45 cm.), eldonita de la Foir-Oficejo (Esperanta-Fako).

FOIRO DE FRANKFURT de 21-27 Septembro 1924. Eldonita de la «Messamt» (Esperanto-Fako).

1° Kvarpaĝa broŝuro pri la Aŭtuna Foiro. 14,5 × 23 cm.

2e Panoramo de la Foiro de Frankfurt. 14 × 45 cm.